


OBSAH — ENHAVO:



 

1907 KVĚTEN—MAJO I. 5.

 

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj**

# Časopis Českých Esperantistů

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu: Praha II., 313. Karlovo náměstí. (Poštovní známky všech států přijímají se v plné ceně.)

Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.

Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 = 1,50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso: Praha II. 313. Karlovo náměstí (Bohemujo-Aŭstrio). (Poŝtmarkoj de ĉiuj ŝtatoj estas akceptataj plenvalore.)

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskriptojn por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

*** ***

**Avizo:** Nia redakcio jus eldonis **trian** serion de novaj propagandaj poŝtkartoj, presitaj sur glata, blanka papero; sur duono de ilia adresflanko estas malgrandigita la bildo, kiu ornamas nian revuon, la alia flanko estas rezervita por la sciigoj.

Prezo (afrankite) de ĉi tiuj poŝtkartoj estas: 10 ekz. 15 hel., 25 ekz. 30 hel., 50 ekz. 60 hel., 100 ekz. K 1·15 (Pagu per poŝtmarkoj).

Esperantajn gazetojn ni petas pri afabla interŝanĝo; atentigo: bohema č = ĉ esp.! Ni petas ĉiun, kiu havas superfluajn ekz. de Č. Č. E. sendi ilin al ni, ĉar nian provizon elĉerpis la specimene sendataj ekz. de unua kaj dua numeroj kaj nun ni posedas nur tre malmulte da ili por novaj abonantoj.

Bohemajn lernolibrojn mendu direkte ĉe eldonanto s-o Čejka, Bystřice p. H. Moravio, ne ĉe nia redakcio. Citante la nomon de nia gazeto vi ricevos la sendajon per poŝto revenanta.

**Adresaro**: Ni metas je dispono de ĉiu (eĉ neabonanto), kiu volas ion publike anonci, lokon sur ĉi tiu kovrilo. Por enpreso de du linioj (nekomerca anonco) oni pagas 50 helerojn.

Ekspozicio esperanta en Prostějov (Moravio) kolektas kaj interŝanĝas ĉiujn fremdlandajn poŝtkartojn, precipe ekstereŭropajn. Ĉion por la ekspozicio sendu al s-o Fridrich, profesoro.

Simeon D. Poltavskij (Saratov, Malaja Zatonnaja 6. Rusujo) petas bohemajn societojn esp. pri alsendo de adresoj de membroj, kiuj volas korespondadi pri diversaj temoj kun rusaj samideanoj.

Dionisio Osés (Barcelona, Antonazas Calle Nuntaner piso 3. Hispanujo, Cataluña) filatelisto, volas ricevi poŝtmarkojn el Azio, Afriko kaj Svedujo.

# GRAVA LETERO.

*Jménem Národní Rady České dovoluji si tímto sděliti se slavným klubem Vaším, že Národní Rada Česká udělila mezi jinými odbornými českými korporacemi Klubu Esperantistů v Praze právo navrhovati ve smyslu organisačních řádů příslušných jednoho člena nebo členku zahraničního odboru Národní Rady České v přesvědčení, že součinností také českých kruhů esperantských bude možno s úspěchem uplatňovati snahy I. oddílu zahraničního odboru našeho v zájmu správné informace ciziny o národě českém . . .*

Jindř. Nechanský, *zpravodaj.* — Dr. Herold, *předseda.*

# BOHEMA UNIO ESPERANTISTA.

Antaŭ unu monato ni invitis niajn legantojn, ke ili sendu al ni siajn proponojn koncerne la organizadon de Unio de bohemaj Esperantistoj, starigotan laŭ modelo de asocioj en Francujo, Anglujo, Ameriko, Germanujo, Bulgarujo, Belgujo, Rusujo kaj Hispanujo. Citinte ĉi tiujn ekzemplojn ni nur volis per ili skizi la rolon de priparolata Unio, pri kies laboroj kaj ĝia starigo laŭ detalaj, interkonsentitaj reguloj ĉiu povas libere esprimi sian opinion. La unuaj respondoj, kiujn ni ricevis, elmontras vivan intereson pri tiu ĉi demando, pri kiu, laŭ nia opinio, pli aŭ malpli frue oni devos diskuti, se oni volos plensukcese daŭrigi la komunan propagandon. Esperantistoj de la tuta mondo, helpataj de siaj kongresoj, efektivigas jam ligon internacian: iliaj profesiaj interesoj estas atentataj en iliaj tutmondaj societoj de samprofesianoj. Tial devas la Esperantistoj samnaciaj pensi pri unuiĝo nacia, pri societo, kies ĉefa laboro estas la propagando komuna, precipe ekstera; la memstareco kaj libera evolucio de ĉiuj, en la nova Unio partoprenantaj grupoj kaj kluboj, al kiuj ĝi malhelpos en neniu direkto, dependas de la difino de rolo, kiun ludos tiu ĉi centra societo meze de naciaj grupoj, inter kiuj ĝi starigos fortikan ligilon. Ni povas kompari taskon de nia bohema Unio esperantista al tiu de Ligoj de bohemaj societoj instruistaj, medicinistaj, turistaj, studentaj, sciencistaj k. s., kiuj, komunikante kun alinaciaj samprofesiaj korporacioj, ebligas sukcesplenan interŝanĝon de opinioj, reprezentas la organizitajn membrojn kaj helpas ĉi tiujn en ilia agado.

La tuta afero povas esti definitive organizita nur en kunveno de bohemaj Esperantistoj, kiu povus eble efektiviĝi antaŭ fino de tiu ĉi jaro; la demando tamen povas esti jam nun solvata, ĉar nia gazeto metas siajn paĝojn je dispono de la respondantoj. Ni esperas, ke oni diskutos pri tiu ĉi temo ankaŭ en ĉiuj bohemaj societoj esperantistaj, kiujn ĝi tuŝas unuavice.

—*Id.* Plezure mi sendas mian opinion pri la preparata Unio, kiu trovos certe ĝeneralan aprobon inter ĉiuj bohemaj Esperantistoj. Mi mem ne volas antaŭtempe altrudi ian regularon, sed mi intencas kolekti kelkajn praktikajn pruvojn, ke tia korporacio estos por Esperanto ĉe Bohemoj tre utila. Tuj post la tralego de „Alvoko“ mi decidis noti ĉiujn rekomendindajn proponojn, kiujn oni povos meti en la programon de „Unio“. — Jam kelkfoje mi havis okazon paroli publike pri Esperanto kaj ofte mi rekomendis ĝin en rondeto de amikoj: ĉiam altiris atenton plej grandan mia kolekto de esperantaj gazetoj, kiuj atente estis foliataj. Bedaŭrinde, tiu ĉi kolekto enhavas nur tre malmulte da ekzempleroj; ho, kiel bona propagandilo (kaj helpilo por publika parolado) estus kolekto plena, kiu enhavus krom gazetoj ankaŭ la esperante redaktitajn prezarojn kaj flugfoliojn komercajn, poŝtkartojn esperantajn (reklamajn) aŭ broŝuretojn propagandajn, eldonitajn por diversaj nacioj! Tio ĉi estas materialo malkara, sed ĝi estas malfacile akirebla por ĉiu parolanto, por ĉiu okazo kaj loko renove. Oni ofte eĉ ne havas tempon por kolekti similan dokumentaron antaŭ ĉiu parolado. Tie ĉi estas bezona organizita societo, zorganta pri regula plenigado de unu (aŭ du) simila kolekto pruntedonata al parolantoj, kiuj resendus ĝin poste al sekretario de tiu ĉi societo aŭ sendus ĝin pluen al alia parolado. La kolekto povus fariĝi rondiranta ekspozicio sendata de unu bohema klubo esperantista al alia kaj nur laŭ okazo ĝi povus resti ĉe personoj izolitaj — kiam ili bezonas ĝin por la parolado. Materialon por tiu ĉi kolekto certe liverus volonte ĉiuj firmoj, eldonintaj iajn tekstojn esperantajn, kaj mi esperas, ke la kolekton riĉigus ankaŭ kelkaj, fabrikaĵoj esperante nomigitaj (vafloj Esperanto, plumoj, krajonoj, specimenaj vinboteletoj k. t. p., k. t. p.). Tiun ĉi laboron, la prizorgadon de kolekto, ne povas preni sur sin iu el niaj grupoj, sed ĝi estus aljuĝinda al komitato de nia estonta Unio. Elspezojn, kunigitajn kun la kolektado de materialo kaj kaŭzitajn per sendado de tiu ĉi tuta dokumentaro, pagus ĉu la Unio mem, ĉu tiu el prunteprenantoj, kiu ĝin postulas. (Mi rimarkas, ke similan taskon povus dume preni sur sin redakcio de gazeto Č. Č. E., kiu posedas eble „ĝermon“ por la dokumentaro — kelke da specimenajn ekzemplerojn de gazetoj, flugfoliojn pri la kongresoj, komercajn avizojn k. s.).

# LA TUTMONDE KONATA BOHEMA BIERINDUSTRIO.

(Burĝa bierfarejo en Plzeň, fondita en jaro 1842.)

Se iu fabriko povas esti nomata efektive tutmonda, meritas certe tiun ĉi nomon la burĝa bierfarejo en Plzeň; ĉi tiu industria urbo, laŭ signifo la dua en regno Bohemujo, havas jam preskaŭ 90.000 da loĝantoj. Inter multaj fabrikoj de Plzeň estas speciale rimarkindaj krom kanonfabriko de Škoda tri grandaj brasejoj*): la societa, akcia kaj burĝa. Tiu ĉi lasta estas la plej granda kaj la plej konata. Ni volas hodiaŭ priskribi ĝin almenaŭ mallonge, por ke niaj, precipe fremdaj legantoj povu fari al si proksimuman ideon pri ĝia signifo. La 5-an oktobron 1842 bolis la unuan fojon biero en braspato de nova bierfarejo kaj kelkajn semajnojn pli malfrue, dum la foiro de sankta Martino, oni elkranis la unuan produktaĵon, kiu estis tuj laŭdata. Ĝis hodiaŭ forlasis ĝin la meritita laŭdo nek hejme nek en malproksimaj fremdaj landoj. La komencoj de nova brasejo estis tre modestaj kompare al hodiaŭa kresko kaj evolucio.

La unua braskvanto estis 64 siteloj kaj dum la unua jaro oni faris 6326 sitelojn aŭ 3657 hektolitrojn da biero. Ĉar la biero de Plzeň fariĝadis ĉiutage pli ŝatata kaj la nombro de ĝiaj amantoj konstante kreskis, oni estis devigitaj vastigi ĉiujare la bierfarejon, ĝis ĝi atingis grandecon kaj signifon de tutmonda fabriko provizita per ĉio, kion la moderna bierindustrio postulas.

Laŭ sekvantaj ciferoj oni povas bone juĝi pri la konstanta kreskado de produktata kvanto da biero:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| En jaro 1842—3 | . . . | 3.657 | hektolitroj | da | biero, |
| 1849—50 | . . . | 10.865 | „ | „ | „ |
| 1869—70 | . . . | 108.034 | „ | „ | „ |
| 1890—91 | . . . | 433.360 | „ | „ | „ |
| 1892—93 | . . . | 522.720 | „ | „ | „ |
| 1894—95 | . . . | 602.460 | „ | „ | „ |
| 1906 pli multe ol | | 800.000 | „ | „ | „ |

La brasejo — similanta malgrandan urbon etendiĝas en unu antaŭurbo de Plzeň, sur dekstra bordo de rivero Radbuza, proksime de la stacidomo; ĝi okupas 600.000 kvadratajn metrojn. Du partoj, dividitaj per ĉefa strato, enhavas jenajn konstruaĵojn: en parto maldekstra, malpli granda, estas lokitaj grenejoj, maltfarejoj, maltsekumejoj, muelejoj, bolejoj, malvarmigejoj kaj fermentejoj. Sepdek mil kubaj metroj da glacio troviĝas en la glaci-

*) b r a s e j o: boh.: pivovar, fr.: brasserie, angle: brewery, germ.: Bräuerei (bierfabriko, bierfarejo).

tenejoj. En dekstra parto troviĝas administracia domo, oficejoj, kunsida salono, loĝejoj por oficistoj kaj por la ĉefa brasisto, kantinoj por laboristoj, ekspedejoj de la biero, mekanika barelpeĉumejo, mezurkontrolejo, magazeno por kuvoj kaj bareloj k. t. p. Krom tio oni vidas en la plej malantaŭa parto ankoraŭ peĉrafinejon kaj laborejojn de ĉarpentistoj, lignaĵistoj kaj forĝistoj.

La brasejo ĉerpas akvon el propra puto kaj akvujo; ĉien estas enkondukita elektra lumigo kaj ĉiujn partojn kunigas speciala fervojo komunikanta kun ĉefa stacidomo de Plzeň. La keloj, mezurantaj sume 9 km, estas enhakitaj en sablan rokon kaj konsistas el 92 fakoj.

Unu mil du cent laboristoj estas okupitaj en la fabriko; el ili estas starigitaj korpusoj estingista kaj sava, je kies dispono estas modelaj stacioj kun estingiloj, kuraciloj k. s.

Posedantoj de tiu ĉi mondkonata industria entrepreno estas 250 burĝoj, rajtigitaj brasi (licensituloj), kiuj elektas el si por tri jaroj administradan komiton kunmetitan el 13 membroj. Proporcie kun kreskado de la fabriko kreskas ankaŭ la profito, kaj kvankam oni uzas ĉiujare centmilojn je pligrandigo de brasejo, tamen restas por divido sumo rimarkinda. Ekzemple nunjare ricevis ĉiu el licensituloj 14.340 kronojn!

Biero, fabrikata en ĉi tiu brasejo kaj ateste signita (registrita) per vortoj „Plzeňský prazdroj“ (germ. Pilsner Urquell) t. e. prafonto de Plzeň, estas ekspedata en ĉiujn partojn de la mondo: oni trovas ĝiajn reprezentantojn en pli grandaj urboj de Eŭropo kaj Ameriko. Ĝia eminenta kvalito superas ĉiujn ceterajn produktaĵojn bierindustriajn; la boheman „reĝon de bieroj“ rekomendas multaj medicinistaj aŭtoritatoj kiel kuracilon, kiu helpas la homan nutradon. Miloj da resaniĝantoj dankas sian rapidan refortiĝon al tiu ĉi trinkaĵo.

Evidenta estas la graveco de nomita industria entrepreno por Aŭstrio kaj ĝia signifo por nacia ekonomio.

Je fino de nia nelonga artikoleto ni atentigas, ke estas permesata senpago vizito de la tuta fabriko; ĉiu fremdulo, kiu antaŭe anoncis sian viziton, ricevas kondukanton, kiu akompanas lin kaj klarigas al li ĉion rimarkindan.

*— z kaj Ing. H.*

Rimarko: Oni produktas ĉiujare en la 600 bierfarejoj en Bohemujo 9,000.000 hl da biero; reprezentanto de tiu ĉi industrio prave estas nomata la bierfarejo en Plzeň, al kiu oni povus kompari nur la faman „Hofbräuhaus“ en München.

# INTERNACIA HELPA MONSISTEMO.

En lasta numero de „Internacia Scienca Revuo" (IV. 41) prezentas al ni s-o René de Saussure tre rimarkindan kaj valoran proponon detale ellaboritan, kiu celas helpi la enkondukon de internacia h e l p a monsistemo. Samloke skribas Dr. Bourlet: „Ĉio, kio povas faciligi la rilatojn ĉu sciencajn ĉu komercajn inter la homoj de diversaj nacioj nepre devas interesi la Esperantistojn. Ili ja laboras por la renverso de ĉefa barilo, kiu ekzistas inter la popoloj, la lingva barilo; sed flanke de tiu fundamenta demando troviĝas multaj malpli gravaj, kvankam tre studindaj problemoj, kies solvo estos signifa senŝarĝo por la homaro." Estas certa, ke malhelpaĵo kaŭzita de la diverseco de lingvoj povas esti forigita nur per enkonduko de h e l p a artefarita lingvo sen tuŝo je la naciaj idiomoj. La sama malfacilaĵo, kiel la diverseco de la naciaj lingvoj, estas diverseco de la monsistemoj. La ideo pri internacia mono ne estas nova, sed oni ne povis ĝin realigi ĝis nun pro malbona kompreno de la demando. Oni proponis, por solvi ĝin, elekti iun nacian aŭ novan monunuon (ekz. la frankon), kiun la registaroj trudus al ĉiuj landoj de la mondo; tiel oni agis por enkonduki la metran sistemon de pezoj kaj mezuroj — sed sen fina rezultato: la Brita Parlamento denove rifuzis proponon pri ĝia enkonduko (150 kontraŭ 118).

Internacia sistemo por mono estas tre dezirinda, ĉar oni bezonas nur legi la anoncojn en esperantaj revuoj por esti konvinkita, ke la alpreno de internacia mono estas urĝa, almenaŭ por la Esperantistoj. En realeco la demando estas pli simpla ol ĝi ŝajnas, ĉar helpa sistemo ne celas forigon de naciaj sistemoj (kio okazis ĉe enkondukado de metro kaj kilogramo), sed ilian interligon; ankaŭ ne estas necese presigi novan monon, kontraŭe, tiu mono estas nur kalkulmono, t. e. mono, kiu rilatos la naciajn monojn kiel Esperanto la naciajn lingvojn. Uzante lingvon i n t e r n a c i a n oni ne havas pli specialan pravigon esprimadi la prezojn per frankoj ol per ŝilingoj, markoj aŭ rubloj; oni do laŭlogike bezonas nur enkonduki en nian lingvon novan vorton por signi precizan monvaloron, kiu estos la internacia monunuo. Por ĝin fiksi ni bezonas nur difini ĝian precizan valoron per pezo de pura oro. La plej gravaj oraj naciaj monunuoj (1 livro st., 20 markoj, 25 frankoj, 5 dolaroj) pezas proksimume 8 gr.; la kvanto da oro, kiun ili enhavas, estas kutime nur $^{9}/_{10}$ (0·900) aŭ $^{11}/_{12}$ (0·916$^{2}/_{3}$) de ilia pezo. Oni do tuj vidas, ke la internacia orunuo pezos 8 gr. ($^{11}/_{12}$), por ke ĝia pezo estu esprimebla per nepartuma nombro da gramoj. Pro sama kaŭzo — por povi esprimi la valoron de diversaj naciaj monoj per nepartuma nombro — ni dividu la 8-graman internacian orunuon per deko, cento, milo kaj dek-

milo. La lasta sumo estas la internacia unuo — unu s p e s o (devenanta de franca vorto „espèce“, aŭ de angla „specie“, *mince*). Resume: La speso estas la dekmilono de la valoro de ora mono pezonta 8 gramojn, laŭ la orproporcio $^{11}/_{12}$. Tiu fundamenta unuo estas pure teoria kaj uzota nur por la kalkuloj; kutime oni uzos unuojn dekoble, centoble, miloble pli grandajn, laŭ la okazoj (same kiel oni uzas jen centimetron, jen metron, kilometron). Oni formos simile novajn vortojn: 1 Sd = 1 spesdeko (= 10 spesoj), 1 Sc = 1 spescento (= 100 spesoj), 1 Sm = 1 spesmilo (= 1000 spesoj). Tiu ĉi lasta estos la plej praktika unuo, ĉar ĝi valoros proksimume 2·50 frankojn, 2 markojn, $^1/_2$ dolaron, 1 jenon, $^1/_2$ peson, k. t. p. Jen estas tabelo montranta la valoron de kelkaj naciaj monunuoj rilate la internacian:

| | |
|---|---|
| 1 franko, liro, peseto = 396 S | 1 spesmilo — 2·5260 fr., liroj, pes. |
| 1 ŝilingo = 499 spesoj, | 1 spesmilo = 2·0031 ŝilingoj, |
| 1 dolaro = 2051 spesoj, | 1 „ = 0·4875 dolaroj, |
| 1 marko = 489 spesoj, | 1 „ = 2·0461 markoj, |
| 1 krono aŭstria = 416 spesoj, | 1 „ = 2·405 kronoj, |
| 1 rublo = 1056 spesoj, | 1 „ = 0·947 rubloj, |
| 1 drakmo, lejo, dinaro, levo = 396 spesoj, | 1 „ = 2·526 drakmoj, lejoj, dinaroj, levoj, |
| 1 milrejso portug. = 2217 spesoj, | 1 spesmilo = 0·450 milrejsoj, |
| 1 rupio = 970 spesoj, | 1 „ = 1·031 rupioj, |
| 1 piastro = 91 spesoj, | 1 „ = 10 983 piastroj |

Pli detalan tabelon vidu en suprecitita numero de „Int. Scienca Revuo“ aŭ en ĝia aparta represajo (10 Sd. — 24 hel.). Laŭ tiu ĉi tabelo ni vidas, ke poŝtmarko spescenta (1 Sc) povus esti uzata por la afranko de leteroj por fremdlando (= 25 ctm. = 20 pf. = 5 c. = 2·5 d. = 25 hel. = 1 Sc).

El la alpreno de tiu kalkulmono internacia rezultus gravaj plisimpligoj en la komercaj rilatoj, ĉu privataj, ĉu oficialaj inter la diversaj landoj. Oni uzu praktike la proponatan monsistemon, konsiderante la unuon kiel simplan teknikan vorton enkondukotan en nian ligvon kaj, ĉar en la vortaro esperanta troviĝos jena klarigo: (Esp.) 1 Speso = (F.) 0·002526 frankoj = (A.) 0.00010015 liv. st. = (G.) 0·002046 markoj — (U. S. A.) 0·0004875 dolaroj = (A.) 0·00240535 kronoj = . . . . ., oni nur bezonos traduki la valorojn esprimitajn per spesoj en valorojn esprimitajn per nacia mono, same kiel ekzemple oni tradukas la vorton „patro“ ĉu per franca vorto „père“, ĉu per angla „father“, ĉu per bohema „otec“ k. t. p.

Por niaj legantoj bohemaj ni preparis tiun tabelon, kiu servos al ili kvazaŭ „vade mecum“ por la rilatoj komercaj inter Esperantistoj. Kelkaj gazetoj esperantaj kaj la komitato de nia k o n g r e s o en C a m b r i d g e uzas jam hodiaŭ ĉi tiun sistemon (flanke de la nacia). Tial ni esperas, ka apuda tabelo estos de ni ofte uzota

por tradukado de spesoj je heleroj kaj de heleroj je spesoj. Ankaŭ ni uzados de nun tiun ĉi sistemon, flanke de la nia, metante en krampojn la respondan valoron.

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 h = 4·1575 spesoj | 10 h = 41·575 spesoj | 1 K = 415·75 spesoj | 10 K = 4157·5 spesoj |
| 2 „ . . 8·3150 „ | 20 „ . . 83·150 „ | 2 „ . . 831·50 „ | 20 „ . . 8315 0 „ |
| 3 „ . . 12·4725 „ | 30 „ . . 124·725 „ | 3 „ . . 1247 25 „ | 30 „ . . 12472·5 „ |
| 4 „ . . 16·6300 „ | 40 „ . . 166·300 „ | 4 „ . . 1663·00 „ | 40 „ . . 16630·0 „ |
| 5 „ . . 20·7875 „ | 50 „ . . 207·875 „ | 5 „ . . 2078·75 „ | 50 „ . . 20787·5 „ |
| 6 „ . . 24·9450 „ | 60 „ . . 249·450 „ | 6 „ . . 2494·50 „ | 60 „ . . 24945·0 „ |
| 7 „ . . 29·1025 „ | 70 „ . . 291·025 „ | 7 „ . . 2910·25 „ | 70 „ . . 29102·5 „ |
| 8 „ . . 33·2600 „ | 80 „ . . 332·600 „ | 8 „ . . 3326·00 „ | 80 „ . . 33260·0 „ |
| 9 „ . . 37·3175 „ | 90 „ . . 373·175 „ | 9 „ . . 3731·75 „ | 90 „ . . 37317·5 „ |
| 10 „ . . 41·575 . „ | 1 K . . 415·75 . „ | 10 „ . . 4157·5 . „ | 100 „ . . 41575·0 . „ |

| S | Sd | Sc | Sm |
|---|---|---|---|
| 1 S — 0·240535 hel. | 1 Sd = 2·40535 hel. | 1 Sc — 24·0535 hel. | 1 Sm = 2,40·535 hel. |
| 2 „ . . 0·481070 „ | 2 „ . . 4 81070 „ | 2 „ . . 48·1070 „ | 2 „ . . 4,81·070 „ |
| 3 „ . . 0·721605 „ | 3 „ . . 7·21605 „ | 3 „ . . 72·1605 „ | 3 „ . . 7,21·605 „ |
| 4 „ . . 0·962140 „ | 4 „ . . 9·62140 „ | 4 „ . . 96·2140 „ | 4 „ . . 9,62·140 „ |
| 5 „ . . 1·202675 „ | 5 „ . . 12·02675 „ | 5 „ . . 1,20·2675 „ | 5 „ . . 12,02·675 „ |
| 6 „ . . 1·443210 „ | 6 „ . . 14·43210 „ | 6 „ . . 1,44·3210 „ | 6 „ . . 14,43·210 „ |
| 7 „ . . 1·683745 „ | 7 „ . . 16·83745 „ | 7 „ . . 1,68·3745 „ | 7 „ . . 16,83·745 „ |
| 8 „ . . 1·924280 „ | 8 „ . . 19·24280 „ | 8 „ . . 1,92·4280 „ | 8 „ . . 19,24·280 „ |
| 9 „ . . 2·164815 „ | 9 „ . . 21 64815 „ | 9 „ . . 2,16·4815 „ | 9 „ . . 21,64·815 „ |
| 10 „ . . 2·40535 . „ | 10 „ . . 24·0535 . „ | 10 „ . . 2,40·535 . „ | 10 „ . . 24,05·35 . „ |

10 S = 1 Sd 10 Sd = 1 Sc 10 Sc = 1 Sm

Ekzemploj: Abonpago je nia gazeto estas por Aŭstrio 3 K, sed por f r e m d l a n d o Fr. 3·75 (t. e. proksimume K 3·60). de nun ni skribos: por Aŭstrio 3 K kaj por fremdlando 1500 S = 1,50 Sm. — Unu jarkolekto de „Internacia Scienca Revuo" kostas 2,75 Sm (2 Sm, 7 Sc, 5 Sd = 2750 S); laŭ nia tabelo:

| | | |
|---|---|---|
| 2 Sm | = | 4,81 K |
| 7 Sc | = | 1,68 K |
| 5 Sd | = | 12 hel. |
| | | 6·61 K |

Verko „Majstro Jan Hus" kostas 80 hel. (33 Sd = 33 spesdekon). — La Franco skribos: Nia esperanta gramatiko kostas 3 Fr. (1,20 Sm); ni legos en nia tabelo 1 Sm = 2,40 K, 20 Sd (2 Sc) = 48 hel.; kune 2·88 K. — Nia „El la historio de Esperanto" kostas 30 hel. (125 S) = 1,25 Sc. — Angla broŝuro esperanta kostas $1/2$-ŝilingon (2,5 Sc); t. e.: 25 Sd = 2 Sc + 5 Sd = 48 hel. + 12 hel. = 60 hel.

## Esperanto — espero de la blinduloj.

(*Fino.*)

Se la uzado de la helpa lingvo Esperanto estis multsignifa kaj tre utila por la fremdlanda blindularo, ĝi estas des pli profitplena por la bohemaj blinduloj, kiuj estis preskaŭ forŝiritaj de la movado tutmonda, ĉar ili havas neniun propran, punktreliefe skribitan gazeton. Tial ni facile povas al ni klarigi la intereson, kiun elvokis ĉe la zorgatoj de la instituto por blinduloj en Praha anonco publikigita en la germana braille'a gazeto „Blindendaheim" (Berlin, 1903—4), sciiganta la aperon de la esperanta gramatiko kaj vortaro por blinduloj. La zorgatoj atentigis pri tiu ĉi anonco sian instruiston prof. Karel Em. Macan, kaj petis lin, ke li mendu la novajn verkojn kaj instruu ilin pri Esperanto. Prof. Macan sciigis pri tiu ĉi peto la direktoron de l'instituto, kiu donis al li permeson mendi je konto de la instituto la bezonajn lernolibrojn de Esperanto kaj instrui la lingvon. Post ricevo de bezonaj libroj s-o Macan, trastudinte ilin, komencis tuj post pasko 1904 instrui pri Esperanto. La kaŭzoj, pro kiuj li decidis konatigi siajn lernantojn kun ĝi, estis jenaj:

1. Instruante Esperanton li povis kun siaj gelernantoj amuzmaniere ripeti la gramatikon de ilia gepatra lingvo.

2. Li povis tre facile konatigi ilin kun signifo de fremdaj vortoj, uzataj internacie ankaŭ en ĉiutaga vivo.

3. Por geblinduloj estas rekomendinda koneco de f a c i l a lingvo kiu eĉ tiam, kiam ili eliros el la instituto, kunligados ilin, per kiu ili povos korespondadi kun blinduloj alilandaj, kaj per

kies helpo la blinduloj de ĉiuj nacioj povas unuiĝi por laboro, celanta ilian komunan bonon.

4. Bohemaj blinduloj posedos per Esperanto la unuan fojon presitan gazeton facile kompreneblan, ĉar ĝis hodiaŭ ekzistas neniu bohema braille'a gazeto.

5. Per facile kompreneblaj tradukaĵoj ili havos okazon ekkoni la ĉefajn verkojn de la tutmonda literaturo.

6. Esperanto estos por la geblinduloj konvena anima okupo en libera tempo.

S-o Macan, konvinkiĝinte pri la granda signifo de Esperanto por la blindularo, dediĉis ĉiun liberan tempon al tio, ke liaj lernantoj kiel eble plej baldaŭ povu korespondadi kun alilandaj blinduloj. Li malfermis antaŭ tri jaroj en la instituto la unuan kurson de Esperanto kaj instruis en vesperaj horoj dufoje en la semajno. Li havis komence dek du lernantojn, Bohemojn kaj Germanojn. Kiam iom poste komencis eliradi la braille'a gazeto „Esperanta Ligilo", li proponis al al instituto aboni ĝin. La instituto mendis du ekzemplerojn de „Ligilo" kaj poste ankaŭ kelkaj el liaj lernantoj fariĝis abonantoj. Komence de la jaro 1905 faris s-o Macan kurson de l'Esperanto por virinaj zorgatoj de la instituto. Li instruis ses virinojn, kiuj tre baldaŭ komencis interŝanĝi leterojn kun svedaj, svisaj kaj francaj samsortulinoj. Kiam la ceteraj zorgatinoj vidis ĝojon de siaj esperantistaj koleginoj, kiu aperis ĉiam post ricevo de iu letero, ili ekdeziris ankaŭ instruiĝi pri Esperanto. Ankaŭ ilia deziro estis de s-o Macan plenumita je komenco de nuna jaro, kiam li malfermis novan kurson de Esperanto por dek lernantinoj. Li konvinkiĝis per spertoj ricevitaj en la antaŭaj kursoj, ke estas plej bone instrui la blindulojn per komuna legado de artikoloj de la gazeto „Esperanta Ligilo" kaj tial li faris akcepton en la kurson dependanta de la kondiĉo aboni la „Esperantan Ligilon". Tiamaniere li helpis rimarkinde pligrandigi la nombron de ĝiaj abonantoj.

S-o Macan estis en sia laboro por enkonduko de Esperanto en la instituton por blinduloj helpita de kelkaj amikoj de blinduloj, precipe de fraŭlino Ludmila Tesařová, kiu transkribis la bohemanesperantan vortaron en braille'an punktskribon, kaj de kelkaj membroj de la Esperantista klubo en Praha, kiuj vizitadis lin en la instituto kaj, interparolante kun li, instruadis lin pri Esperanto. Li baldaŭ konatiĝis letere kun la ĉefaj propagandantoj de la ideo disvastigi Esparanton, kiel interrilatilon de blinduloj: s-o Cart en Francujo kaj s-o Thilander en Svedujo. Baldaŭ la instituto de Klár en Praha fariĝis per akcepto de Esperanto tiel konata inter la esperantistaro, ke dr. Javal skribas pri ĝi an sia verko „Inter blinduloj" kiel pri modela instituto. S-o Macan kaj liaj gelernan-

toj-Esperantistoj ekinterrilatis poste kun blindaj Esperantistoj en diversaj landoj. La korespondado fariĝis precipe por la blindaj Esperantistinoj rimedo, kiu ebligas al ili suferi pli facile ilian sorton. La esperantaj leteroj, alvenantaj en la instituton el diversaj flankoj de l' mondo alportas al niaj blindaj samideanoj ne nur ĝojon sed ankaŭ instruajn sciigojn pri diversaj temoj. Plej grandan plezuron faras al ili vizitoj de Esperantistoj, precipe de samideano fremdlanda, kiam ili povas interparoli kun li esperante. Vizito farita al la instituto de gesinjoroj Bayol el Fracujo (antaŭ kelkaj semajnoj) estas nun ofte de ĉiuj priparolata kaj rememorata.

Projekto pri senpaga literatura **biblioteko por blinduloj**. S-ino M. Bastoul, vicprezidantino de Esperantista Grupo en Dijon sendis al ni interesan leteron, kiu enhavas nomitan projekton, prezentotan kaj pritraktotan ĉe nia tria kongreso. La propono koncernas fondon de braille'a rondiranto laŭ jena maniero: en ĉiu lando estu reprezentanto konanta la braille'an skribaĵon, kiu, recevinte iun kopiotan laboron, transkribos ĝin kaj sendos ĝin pluen; ĉiu el ili korespondos nur kun du aliaj reprezentantoj, kun tiu, de kiu li ricevis la verkon por kopii ĝin kaj kun tiu, al kiu li ĝin forsendos. En Bohemujo estas reprezentanto s-o K. E. Macan, kiu transskribos por la rondiranta ekzemplero (kopiota de ceteraj partoprenantoj) la konatan verkon „Majstro Jan Hus“ de J. F. Khun.

# KRONIKA.

**Praha**: V měsíci květnu vítali čeští Esperantisté ve svém středu vzácné hosty: inženýra N. Evstiféieffa s chotí z Charbina v Mandžursku. Ing. Evstiféieff jest jedním z prvních propagatorů Esperanta a známým podporovatelem všech snah směřujících k všeobecnému rozšíření tohoto pomocného mezinárodního jazyka. Novou půdu pro svou činnost nalezl na Slovácku, pro jehož spolky a čítárny předplatil na 40 výtisků našeho časopisu. Litujeme, že krátký pobyt milých hostí nedovolil jim bližšího seznání našich poměrů a života národního, o nějž se zvláště zajímali. Kroužek studentů-Esperantistů byl založen „Svazem československého studentstva“; účelem jeho jest šíření Esperanta a navázání styků mezi českými a cizími studenty. Bližší zprávy sdělí „Svaz“: Praha II., Spálená ulice 20. — Seznam esperantských knih vydala právě firma F. Topič v Praze. — Schůzka českých Esperantistů, která bude pořádána koncem měsíce června, poskytne zajisté všem účastníkům nejlepší příležitosti k osobnímu seznámení a k vysvětlení náhledů týkajících se ustavení Českého Svazu Esperantistů. Všem, kdož oznámí nám svůj příjezd před 20. t. m., sdělíme písemně podrobnosti. — Odbor Esperantistů v **Plzni** zahájí nový kurs počátkem června; dosud přihlásilo se na 50 účastníků. — V **Brně** zahájí p. A. Kroupa kurs esperantský dne 6. VI. — V **Prostějově** připravují přátelé Esperanta výstavku; ukázková čísla

časopisů a tiskopisy jakož i pohlední lístky esperantské zašlete na adresu prof. Fridricha. — Těchto dnů ustavily se kroužky Esperantistů v **Dublovicích** u Sedlčan (jednatelem zvolen p. J. Kafka, učitel) a ve **Staňkově** u Plzně (hostinec „U Kozinů“). — Klub Esperantistů v **Kuklenách** u Hradce Králové, založený v březnu t. r., čítá již 40 členů. Dvakrát týdně konány jsou kursy v hospodářské škole; v nejbližší době zařídí klub knihovnu a čítárnu esperantskou, čímž zajisté získá četně nových členů.

(Pro nedostatek místa jsme nuceni odložiti **cizí kroniku,** již vysázenou, do čísla příštího. — Pro manko de loko ni devas prokrasti la **fremdan kronikon** ĝis venonta numero.)

**KRONIKO NACIA.** Bohemaj Esperantistoj de Praha bonvenis en majo estimatajn gastojn el Rusujo: gesinjorojn Evstiféieff. Tiu ĉi fama pioniro de Esperanto trovis por sia propaganda laboro bonan kampon — la Slovakujon, por kies societoj kaj legejoj li abonis preskaŭ 40 ekz. de nia gazeto. Ni bedaŭras, ke la restado de niaj gastoj en Praha ne daŭris pli longe, ke ili havu okazon ekkoni niajn esperantistan kaj nacian movadon. — Rondeton de studentoj-Esperantistoj fondis Unio de bohemaj studentoj. Adreso: Praha II. Spálená ulice 20. — Firmo F. Topič eldonis katalogon de libroj esperantaj. — Novajn kursojn anoncas grupoj kaj societoj en Plzeň, Brno (Moravio) kaj Kuklena. — Societoj estis fonditaj en Dublovice apud Sedlčany kaj Staňkov apud Plzeň. — En Prostějov (Moravio) aranĝas niaj samideanoj ekspozicion esperantan; tial ili petas, ke oni sendu laŭ adreso de profesoro Fridrich dokumentojn pri movado esperanta: presaĵojn, gazetojn kaj poŝtkartojn esp.

**Gazetaro.** „Jihočeské Listy“ (Budějovice, 20. IV.): Ze světa esperantského. F. S. (18. V.): Esperanto a informace o Češích. Tre bona artikolo, verkita de nia amiko s-o F. Svačina, atentigas la bohemajn legantojn pri la signifo de „Informoj pri bohema nacio,“ kiujn alportas regule nia gazeto. Bohema traduko de ĉi tiuj informoj (el nia 4-a numero) akompanas la longan raporton. — „Budivoj“ (Budějovice, 26. IV.): Mezinárodní vědecké sdružení Esperantistů. F. S. — „Národní Listy“ (Praha, 3. V.): Mezinárodní řeč Esperanto. J. H. (31. V.): Cesta dopisu pražských českých Esperantistů kolem světa. J. H. — „Právo Lidu“ (Praha, 26. IV.): Bibliografie; Alferi: Mezinárodní výchova a vyučování. (29. V.): Časopisy esperantské. — „Plzeňské Listy“ (25. V.): Esperantský kurs. — Česko-ruské Listy“ (Lodz, 1. VI.): O Esperantu v Japonsku. — Longajn notojn pri vizito de gesinjoroj Evstiféieff alportis: „Hlas Národa“ (26. V.), „Den“ (27. V.), „Čas“ kaj „Národní Politika“ (28. V.).

„Den“ (Praha, 17. V.): Nová umělá řeč světová. Nefavora rimarko (tradukita el germana gazeto) pri „nova artefarita lingvo tutmonda“: Post Volapük, Esperanto kaj eble dudek sensignifaj provoj pri artefarita lingvo tutmonda aperas nova provo pri tia lingvo. Ĝi estas nomata Universal. Oni miregus, se estus detale esplorita, kiom da tempo, inteligenteco, klopodo, forto kaj mono

estis dediĉitaj je provoj vanaj en antaŭo. Se oni devas elekti inter Universal kaj Esperanto, oni elektos la pli malgrandan malbonon: Esperanton. (Ni bedaŭras, ke la aŭtoro ne havis sufiĉe da tempo por instruiĝi pri tio, kion li ne scias kaj pri kio li kuraĝas „instrui" ceterajn.)

„Čas" (Praha, 14. V.): Nepřátelům Finska. Odpověď Fina na článek „Národních Listů" ze dne 14. III. 1907. (Al la malamikoj de Finnujo. Respondo de Finno je artikolo de la gazeto „Národní Listy" de la 14. de marto 1907. Ĉi tiu ĵurnalo publikigis artikolon, priskribantan la preparatan revolucion kontraŭ Rusujo en Finnujo. La artikolo ŝajnis esti traduko el rusaj reakciulaj gazetoj, malfavorontaj naciajn penadojn de la Finnoj. Tiun artikolon tradukis nia kunlaboranto V. Riegel en Esperanton kaj sendis ĝin al sia Finna amiko — Esperantisto Arvo Linturi. Lian respondon, kontraŭantan la supreciitan artikolon, publikigis bohema ĵurnalo „Čas" kun rimarko pri la utileco de Esperanto en la internaciaj rilatoj. Esperanto ludis do tre interesan interpretistan rolon inter Bohemujo kaj Finnujo.

Pri nova bohema societo esperantista, Studenta rondeto, raportis la gazetoj: „Den", „Národní Listy" (18. V.), „Čas" (19. V.). — Semajna gazeto „Národní Obzor" finigis la 17. V. en sia 22-a numero la kurson esperantan. — „Věstník českých profesorů" (pĝ. 369) rimarkas, ke s-o Fried en Wien atentigis en la „Enketo pri reformo de mezaj lernejoj" pri utileco enkonduki Esperanton kiel lingvon instruotan. — Ĉiusemajna rubriko de studenta gazeto „Student" enhavas bonajn laŭvortajn tradukojn de niaj artikoloj: La tria kongreso (n-o 18.) kaj rondira letero „Praha" (n-o 21.); komparan legadon de ambaŭ ni rekomendas al niaj lernantoj. — Malnova bohema revuo en Praha malfermis siajn kolonojn al esperanta rubriko: semajna ilustrata revuo „Světozor" sciigas en sia 29-a numero siajn legantojn, ke de nun ĝi rezervados lokon por Esperanto.

## BIBLIOGRAFIO.

The American Esperanto Journal, oficial magazine of the american Esperanto Association. Boston. (Mass.) Boulevard Station. — Jara abono 5 Fr.

Nova amerika gazeto esperantista, oficiala organo de amerika asocio, prezentiĝas tre bone per monate regule elirantaj kajeroj 16-paĝaj (18 × 25); la enhavo, redaktata angle kaj esperante, estas tre interesplena. Redaktoroj de la gazeto estas niaj malnovaj amikoj s-oj John Twombly kaj Ed. Harvey. Ni memorigas vortojn de dr. Zamenhof: „Ameriko estas tre grava por Esperanto; kaj la tago, en kiu aperas la unua bona gazeto esperantista en la plej grava lando de Ameriko, en la Nord-Amerikaj Unuigitaj Ŝtatoj, estas por nia afero grava dato." Nia majstro certe estis prava, ĉar tuj post eliro de supronomita gazeto ni povas rimarki speciale viglan agemon inter samideanoj amerikaj.

Brazila Revuo Esperantista. Monata revuo (15 × 23) po 32 pĝ. Brazil. Rio de Janeiro. Rua da Assembléa 46. Jare 6 Fr.

En la kroniko de nia lasta numero ni faris rimarkon pri la progresoj de Esperanto en Brazilujo. Niaj nelacemaj kunlaborantoj

surprizas nin hodiaŭ per bela revuo, kies redaktoroj fariĝis s-oj: A. A. Vieira, R. F. Geyer kaj E. Backheuser. La revuo, redaktata en lingvoj Esperanto kaj portugala, alportas en sia unua numero tre interesajn detalaĵojn pri la sukcesoj de brazilaj kluboj esperantaj.

Bulgara Esperantisto. Dumonata organo de bulgaraj Esperantistoj (8 pĝ. 21 × 27) eldonata en Sofia. Abonpago Fr. 1·50.

La nova gazeto, kiu anstataŭas la litografie kopiatan „Unua Paŝo", pritraktos nur propagandajn temojn; ĝi sekve nek intencas konkurenci la gazetojn propagandajn alilandajn, nek la revuojn beletristikajn. La enhavo estas pligrandaparte bulgara.

Flugila Stelo. Revuo por esperanta stenografio. Redaktoro: Fr. Schneeberger. II. jaro. Laufon, Svisujo. (4 pĝ. 14 × 23.) Jare 2 Fr.

Ni citas sur ĉi tiu loko malnovan revuon, pri kiu ni estas demanditaj, ĉar ĝian titolon ni forgesis enmeti sur la 16 pĝ. de nia gazeto. Sistemo uzata en tiu ĉi revuo estas la Stolze-Schrey'a.

Bulletin du Groupe Espérantiste du Creusot.

Revueto de la Esperantista grupo en Creusot eliras almenaŭ unufoje ĉiujare. La lasta numero (april 1907) traktas precipe pri la kongreso de Genève. Unu kajero (20 pĝ. 14 × 21) kostas 10 ctm.

Afrika Esperantisto. Monata senpaga gazeto. Alger, 4. rue du Marché (12 pĝ. 15 × 20).

Modesta, sed tre signifa revueto, aperanta sur afrika kontinento, kunigados ĉiujn Esperantistojn. kiuj loĝas en Alĝerio, Tunisujo, Egiptujo, Madagaskaro, Transvalo, Senegalo kaj Kongo.

## INFORMOJ PRI BOHEMA NACIO.

Unu el la plej fidelaj amikoj de la bohema nacio, grafo Lützow, pri kiu ni jam skribis en tiu ĉi rubriko, pruvis per nova ago siajn simpatiojn al ni. Li eldonis en la kolekto „Literatures of the World" (Tutmondaj literaturoj) la duan fojon sian libron „A History of Bohemian Literature" (Historio de la bohema literaturo). Nova eldono de la citita libro estas dokumento, ke la intereso de la angla klerularo pri Bohemoj ĝojige pligrandiĝas.

Alia fremdlanda amiko, Louis Leger, al kiu ni dankas la diskonigon de Bohemoj en Francujo, eldonis samtempe libron pri la urbo Praha sub titolo „Prague" en la kolekto „Les Villes d'Art célèbres. Urboj arte konataj). La libro traktanta pri signifo, historio kaj nuna stato de nia urbo, klare elmontras grandan amon de la aŭtoro al nia nacio.

La tria libro, pri kiu mi devas raporti, estas la nun eldonita verko de angla publicisto R. R. Colonhonn „The Whirlpool of Europe", kiu enhavas klarigojn pri naciaj, religiaj politikaj kaj socialaj demandoj en la aŭstria-hungara monarkio, ĉerpitajn el la plej novaj fontoj. Tiu libro vere simpatie estos akceptita de tiuj,

kiuj deziras instruiĝi pri la aŭstriaj-hungaraj aferoj, kiuj al ĉiu fremdlandano estas tre malfacile kompreneblaj.

La politikan mondon boheman ekscitis nun elektoj de membroj de nova parlamento konstruita laŭ la nova leĝo pri komuna, rekta kaj sekreta elekta rajto, kiuj okazis la 14-an majon. Ĉar la naciaj partioj bohemaj ne proponis komunajn kandidatojn (en kelkaj elektaj distriktoj estis eĉ ses diverspartiaj kandidatoj) gajnis la plej grandan nombron da mandatoj partio socialdemokrata; en la fina elektado favoris la cirkonstancoj la unuiĝintajn partiojn naciajn. Kiom da bono alportos la nova parlamento al ni, precipe ĉu ĝi solvos la gravan demandon bohem-germanan, ni ne povas antaŭdiri.

Bohema studentaro aranĝis grandan kunvenon en kiu ĝi traktis pri la disigo de teologia fakultato kaj universitato. *V. Riegel.*

Ekspozicio de bohema gazetaro estis aranĝita en Olomouc (Moravio). Ĝia interesa katalogo instruas nin, ke ekzistas pli multe ol 1100 bohemaj gazetoj, eldonataj en Bohemujo, Moravio, Silezio, Hungara Slovakujo, Wien, Germanujo, Rusujo kaj Ameriko. Pli ol 200 gazetoj estas politikaj (25 jurnaloj ĉiutagaj). En Ameriko eliras 65 gazetoj bohemaj, en Wien ok, en Germanujo tri.

„Centra societo ekonomia por regno Bohemujo“ aranĝis je fino de majo ekspozicion en Praha, kiun vizitis ankaŭ 300 partoprenintoj de la „Internacia agronomia kongreso en Wien 1907“ kun multe da delegitoj francaj kaj italaj. Tiu ĉi, ripetata ĉiujare, estas la lasta, havanta lokon sur nia malnova ekspoziciejo, kiu estis elkonstruita en jaro 1891 ĉe okazo de landa jubilea ekspozicio, kaj gastis poste la etnografian kaj inĝenieran krom multe da malpli grandaj ekspozicioj. Sur loko, kie montris la genio de bohema nacio sian egalvaloron ĉe konkurado kun fremdaj produktoj, eksonos baldaŭ marteloj ruinigontaj la malnovajn palacojn; jam ĉi tiun jaron oni komencos aranĝi laŭ novaj planoj la ekspoziciejon, kiu, multe pligrandigita, parados per modernaj konstruaĵoj preparataj por la ekspozicio de komerco kaj industrio, okazonta la jaron 1908-an.

## TELEFONO.

**Internacia esperantista propagandejo.** En dua numero de nia gazeto ni parolis pri mirindaj propagandiloj, kiujn elpensis nia malnova amiko s-o Ĉefeĉ el London. Hodiaŭ ni ricevas de li sciigon, per kiu li anoncas starigon de societo internacia, nomata propagandejo esperantista. Ĉiam kreskanta laboro kaŭzita de disvastigado kaj eldonado de novaj „ŝlosiloj“ superas jam fortojn de unu sola persono. Por doni malgrandan ideon pri la kreskado de afero

sufiĉas diri, ke la presistoj mem ricevis sumon de 16.000 frankoj kaj ke la valoro de provizoj kaj de la nepagitaj ŝuldoj reprezentas preskaŭ dek mil frankojn, kiu sumo kredeble duobliĝos en la nuna jaro, ĉar estos eldonataj ses novaj ŝlosiloj. Por daŭrigi la eldonadon de ĉi tiuj propagandiloj en ĉiuj lingvoj, kaj por certigi la sendependecon de la entrepreno, kiu devas servi nur al la propagando, li organizis sepmembran komitaton sub estreco de Major-Generalo Cox, al kiu estis transdonitaj ĉiuj rajtoj kaj privilegioj. Tiu ĉi komitato elektos kunhelpantan internacian konsilantaron po 3 membroj de ĉiu lingvo. La kapitalo necesa por la entrepreno estas garantiata kaj prunte donita de unu el la komitatanoj. Adreso, laŭ kiu oni sendu de nun ĉiujn mendojn kaj leterojn, estas: Internacia Esperantista Propagandejo, Merton Abbey, London, S. W. — Sinjoro Ĉefeĉ volas pagi sumon de 50 frankoj, al ĉiu, kiu, ne volante atendi ĝis kiam la komitato eldonos ŝlosilon en lia lingvo, ĝin presigos mem. Li devas tiam konservi la saman prezon, enhavon kaj formaton por sia nova ŝlosilo.

Inter multe da **komercistoj** de la tuta mondo ankaŭ la grava londona firmo Henry C. Stephens, fabrikisto de inkoj, akceptis Esperanton por la rilatoj kun sia klientaro. En la gazeto „The Post and Mercury“ el Liverpool ni legas tre interesan leteron, kiu varme rekomendas la uzadon de Esperanto; la letero certe posedas apartan signifon, ĉar ĝi estas skribita de firmo, kies sperto estas rimarkinda. — La cirkuleroj kaj katalogoj, kiujn la firmo Stephens en Esperanto eldonis, estis dissenditaj en la tutan mondon. Komunikajoj kaj mendoj, venintaj el preskaŭ ĉiuj landoj, estis plene kompreneblaj. „Laŭ mia opinio“, skribas la direktoro, „la universala uzado de tiu ĉi lingvo ebligus al komercaj firmoj ŝparon ĝis multaj milionoj da funtoj sterlingaj kaj la junularo estus senŝarĝita de multjara studado. Mi parolas laŭ sperto iom praktika, ĉar, por fari la korespondadon de la firmo, mi estis devigita oferi mian tutan liberan tempon de 15 jaroj por lerni fremdajn lingvojn kaj nun, post nur unu dudekono de ĉi tiu tempo mi preferas uzadi Esperanton, pro ĝia pli granda simpleco kaj klareco, anstataŭ lingvojn, kiujn mi uzadis jam dum dudek jaroj. Ĉar mi forsendas cirkulerojn verkitajn en 15 ĝis 20 lingvoj, vi povos facile kompreni, ke la enkonduko de tutmonda lingvo, uzebla en ĉiuj landoj de la mondo, multe plifaciligus mian komercon kaj malpliigus grandege la elspezojn.“

* Vedle mnohých obchodníků v celém světě důležitá londýnská firma Henry C. Stephens, továrna inkoustů, přijala Esperanto pro styky se svým zákaznictvem. V časopise „The Post and Mercury“, vycházejícím v Liverpoolu čteme zajímavý dopis, jenž vřele doporučuje užívání Esperanta. Dopis věru má zvláštní

význam, neboť jest psán firmou, jejíž zkušenost jest pozoruhodna. — Oběžníky a seznamy, které firma Stephens vydala Esperantem, rozeslány byly do celého světa. Sdělení a zakázky, jež došly téměř ze všech zemí, byly úplně srozumitelnými. „Dle mého mínění," píše ředitel, „všeobecné užívání tohoto jazyka umožnilo by obchodním firmám úsporu mnoha milionů lib. št. a mládež byla by ušetřena dlouholetého studia. Mluvím poněkud z praktické zkušenosti, neboť, abych mohl vésti korespondenci firmy, byl jsem nucen věnovati všechen volný čas po patnáct let naučení se cizím řečem a nyní, po dvacetině té doby, raději užívám Esperanta pro jeho větší jednoduchost a jasnost, než řečí, jichž jsem užíval po dobu dvaceti let. Ježto rozesílám oběžníky v 15 až 20 řečech sepsané, snadno pochopíte, že zavedením světového jazyka, jehož by se mohlo užiti ve všech zemích světa, o mnoho by se usnadnil můj obchod a o mnoho by se zmenšily výlohy."

Tradukado de Biblio en Esperanton. Unu tagon en la daŭro de la tria kongreso okazos en Cambridge kunveno de personoj interesitaj pri tiu ĉi traduko, la kunveno celas sciiĝi pri la provoj jam faritaj, ĉu de komitatoj, ĉu de privatuloj, konsideri, kiamaniere oni povas akiri verkon vere internacian kaj konsiliĝi pri la rimedoj por la publikigo de tiu verko. Sciigoj pri tradukoj ĝis nun faritaj (eĉ de ia ajn parto) estu sendataj al Pastro C. G. Wilkinson, Waresley, Sandy, Anglujo.

Nia amiko s-o Otto Gehrke, prezidanto de Esperantista Grupo en Wiesbaden (Germanujo) volas eldoni kolekton da kantoj sub titolo „Esperanta kantaro". Esp. tekstojn kun notoj bonvolu sendi laŭ lia adreso: Wiesbaden, Eleonorenstr. 7.

En lasta tempo estis fondita „Internacia Unuiĝo de Studentoj (I. U. S.) celanta helpi la rilatojn inter studentoj de ĉiuj nacioj. Oficiala organo: Esperanto-Ĵurnalo, Genève. Membra kotizaĵo: Fr. 3·50 jare. Por informoj vin turnu al reprezentanto de via lando. — Prezidanto: Ernst Wichert, Königsberg in Ostpr. Borcherstr. 6. Germanujo. Redaktoro: Auguste Vinceneux, Beaune (Côte d'Or) Francujo. Kasisto: R. Sakovič, Peterburg, Novo Petrovskij, 18. loĝ. 4, Rusujo. Reprezentanto: F. A. Vielhaber, Horn, N. Ö. Aŭstrio.

La redakcio de nia familia ĵurnalo esperanta „Tra la mondo" malfermas post finigo de la enketo pri edukado novan, interesan enketon pri la Enketo-Konkurso. Ĉar la redakcio deziras scii, kiu temo plej multe interesus la legantojn, ĝi petas siajn abonantojn, ke ili mem konigu la temon plej esplorindan. Pli detalan priskribon de tiu ĉi premiota konkurso oni legu en 10-a numero de „Tra la mondo". (Prezo de unu ekz. 75 ctm.) Meudon, S. & O. Francujo.

František Hradil (Kroměříž, Kovářská ulice 10—11. Moravio, Aŭstrio) interŝanĝos ĉiujn ilustritajn poŝtkartojn, kiujn li ricevos.

Dr. Walter H. Fox (Chicago, 92 state street) tuj respondos je ĉiuj ricevitaj poŝtkartoj, kiujn li povos uzi kiel propagandilon de Esperanto.


# PREMIO

por la abonantoj de ĝazeto „Časopis Českých Esperantistů“:

**Albumo de konataj Esperantistoj**

kun 114 portretoj kaj komentaria teksto.

PREZO (rabatita) NUR K 1·75 afrankite.

Por 5 ekz. estas la 6a sendata senpage.

Sin turni al: Fritz Schuck, Braunschweig, Thomaestr. 13.

## LA REVUO.

Monata literatura gazeto internacia kun konstanta kunlaborado de **Dro. Zamenhof**; ĉe Hachette & Cie., 79. Bd. St Germain, Paris, kaj ĉe ĉiuj ĝiaj korespondantoj. Jare 7 Fr. (2,75 Sm).

## Majstro Jan Hus.

La vivo, agado, kondamno kaj morto de glorinda martiro.

**Prezo 80 h. (34 Sd).**

J. F. KHUN,

Vrsce-Kopidlno, Bohemujo.

## Lingvo Internacia.

Centra organo de la Esperantistoj eliranta la 15-an de ĉiu monato. La plej malnova el ĉiuj esperantaj gazetoj, fondita en jaro 1895. Administracio: Presa Esperantista Societo, 33 r. Lacépède, Paris. Jara abono: Sen literatura aldono 5 Fr. (2 Sm). Kun aldono Fr. 7·50 (3 Sm). Specimena numero estas senpage ricevebla.

## Tra la mondo.

Tutmonda ilustrata revuo esperanta (Scienco, industrio, komerco, literaturo, teatro, arto, sportoj, ludoj, konkursoj kun valoraj premioj, k. t. p.) Kunlaborantoj el ĉiuj landoj. Senpagaj specimenoj laŭ peto estos sendotaj de administracio: France, 15. Bd. de Deux Gares. Meudon (S. & O.) Jara abono 8 Fr. (3,20 Sm).


## „Klub Esperantistů v Praze“

(zal. r. 1902) měl koncem r. 1906 odbory: dámský odbor v Praze „U Náprstků“, v Plzni, v Proseku a v Českých Budějovicích. Členové klubu mají právo používati knihovny (přes 200 svazků), časopisů esp. (20), účastniti se týdenních schůzek spojených s esp. rozpravami a učebných kursů. Pro členy mimopražské zřídil klub okružní čítárnu esp. časopisů. Roční příspěvek 4 K.

**Adresa klubu pouze: Esperantista klubo en Praha.**

Internacia signo STELO aprobita de grupoj kaj societoj de la tuta mondo. Prezo 60 hel. + 10 hel. (Por fremdlando 70 hel. aŭ 3 Sc). Verda, emajlita, kvinpinta stelo kun risorta butono aŭ pinglo. La signo estas en formo de ronda butono; tial ĝi estas rekomendinda, ĉar ĝi ne ŝiras kaj difektas la vestaĵon. Rabato por societoj. Mendu ĉe Esperantista Klubo en Praha (Bohemujo).

„KARNO“ Nutra preparato
PLI BONA OL SANATOGEN.
INFORMOJ: PRAHA II., 352.
Oni serĉas makleristojn.

V „**Illustrovaných Přednáškách**“ bylo vydáno dvojčíslo 58., 59. O tuberkulose. Dvojčíslo 60., 61. Zásluhy Hellenů o vědy (24 h). Jest to pokračování článků, jednajících o kulturních dějinách lidstva, jako byly články Chemie Starých Indů (24 h, 12 h), Alchimie (24 h), Vědění a názory starých Egypťanů a Babyloňanů (24 h). Dvojčíslo 62., 63. Jak roste chléb (24 h). Jest to pokračování stejnojmenné přednášky číslo 55. Ostatní přednášky přírodopisné jsou: Jak se rostliny zasívají (12 h), Krása barev motýlích (12 h), Živé stroje (24 h) a možno je obdržeti za poštovní známky a podrobný seznam přednášek zdarma u Administrace „Illustrovaných Přednášek“ v Plzni.

**Kavárna „Union“ Kafejo**
**Praha I. Ferdinandova třída,**
ve středu Prahy
doporučuje se k hojné návštěvě. — Výtečné nápoje. — Slovanská čítárna. Největší výběr domácích i cizích časopisů. Časopisy esperantské. Spolkové místnosti k volnému použití. Americké kulečníky. Útulné místnosti.
Telefon 2957.
**Středisko Esperantistů.**
Ne forgesu viziti en PRAHA la
**esperantistan kunvenejon**
en kafejo „UNION“ Ferdinandova tř. Plej granda nombro da bohemaj kaj fremdaj gazetoj. Revuoj esperantaj. Slava legejo.
**Fr. Davídek.**

Oni korespondas en Esperanto.
Rekomendindaj estas la fame konataj
**VAFLOJ de VYDRA.**
„DELIKATES“ de Karlovy Vary.
Vafla **ALFABETO**, **„DESSERT DÉLICAT“**, **BUTERVAFLOJ** (neatingebla bongustajo por la frandemuloj).
**FRAMBAJ** tranĉajoj.
Por la somera sezono ni rekomendas bonegajn ŝaŭmantajn BOMBONOJN: **„AMBO“**, **„FRANCAJ“**, kaj **„KUN ANKRO“**.
!! Provu!!
PREZARON sendos senpage
**Vydrova továrna poživatin Praha—VIII.**
(Bohemujo.)

Eldonanto: Ed. Kühnl. — Presejo de K. Pitter, Praha.